# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 19/07/2018 Tricentokdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

**PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.* *reta-vortaro* * *Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* **Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol **1,360,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol **385,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol **4,400** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".



## N.ro 37 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .

Dum la pasintaj semajnoj ni lernis du aferojn, kiuj ŝajnas kontraŭdiri unu la alian. Unue ni lernis, ke la frazpartoj estas Verbo, Subjekto, Objekto, kaj Adjektoj, kaj ke ĉiu frazparto havas unu kernvorton (pli se kombinitaj per "kaj, aŭ", k.t.p.), kaj ke ĉiu el tiuj kernvortoj povas ĉehavi, kaj kutime ĉehavas, komplementojn kiuj pliprecizigas la signifon de la kernvorto uzata en iu frazo.




Sed vi lernis ankaŭ, precipe en la voĉoj: "La hundo batatas forte", ke la verbo devas esti nur unu vorto ĉar: unu signifo = unu vorto, kaj unu vorto = unu signifo. Tio ŝajnas interkontraŭdira.

Proksimsemajne ni ekzamenos kial la verbo devas esti nur unu vorto sed tamen povas ĉehavi komplementojn duspecajn: unue la frazpartojn Objekto kaj Adjekto, kvankam memstaraj, estas en la frazo komplementoj de la verbo, kaj due la verbo povas havi pli kunajn komplementojn kiuj kvazaŭ faras parton de la verbo.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo






Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 21a de Julio estos la tria sabato.

Venu! Tre amikema Esperanta grupo. *Roger Springer*



# Idealaj Ĝardenoj.



Igi homojn idealismaj estas tre malfacila afero. Kutime oni ne sukcesas. Ŝajnas ke idealo kreskas mem en onia menso. Kaj ne en la menso de multaj. Ekzistas nur kelkaj inter ni kiuj kapablas stimuli aliulojn al idealismo kaj tiam precipe per propra ekzemplo.

En la komenco de la antaŭa jarcento idealistoj starigis sian propran komunan "landeton" en Usono por praktiki egalecon kaj senregistarecon kaj vivi tiel kune farante laborojn por la komunumo, ĉiu kion li aŭ ŝi kapablis. En la komenco ĝi estis sukcesa, ĉar ĉiuj estis idealistoj kaj deziris sukceson, kaj ankaŭ ĝuis tian senmastran kaj helpeman atmosferon. La landeto, nur kelkajn akreojn, devis resti parto de Usono, sed tio ne multe gravis. Pli gravis la rilatoj inter la komunumanoj, ne nur pri la kunlaborado sed ankaŭ pri la rilatoj inter la du seksoj. Ĉi lastaj rilatoj devis esti same liberaj, sed praktike dependis de aliaj, naturaj, inklinoj, kaj do montriĝis la plej malfacilaj idealismigi. Sed ankaŭ la homaj karakteroj mem kaŭzis frotojn inter la partoprenantoj, sendube originaj al iliaj antaŭaj vivmanieroj. La usona landeto nomiĝis *"Walden".*

Ankaŭ en Eŭropo oni penis starigi tiajn "kolonietojn", sed lokaj kaj naciaj kutimoj kaj leĝoj malfaciligis tion. Tamen unu el miaj avoj penis fari tion. Li, kiam juna, jam estis anarĥiisto, kaj havis amikon samidealeman. Ĉar ambaŭ origine estis meblistoj, farantaj kaj riparantaj meblojn, ili jam antaŭ "*Walden"* starigis malgrandan komercon kun kvaro da laboristoj por fari meblojn. Tio estis sukcesa. La du viroj estis leĝe la posedantoj de la firmaeto, kaj metis en ĝin la necesan monon. Nu, post pluraj jaroj venis "*Walden*", kaj mia avo kaj lia amiko entuziasmiĝis kaj decidis fari la samon. Ili do leĝe ŝanĝis la posedon de sia duo al ilia seso, sen ke la kvar laboristoj bezonis enmeti financon. Mia avo kaj la amiko pensis, ke la propreco de la firmao igus la kvar laboristojn labori same konscience kiel ili, devige, faris antaŭe. Sed kio okazis? La du antaŭaj mastroj daŭrigis forte labori por ricevi financojn por vivi. La ses ĉiuj ricevis la saman salajron, ne depende de kiom ili laboris. Sed la kapitalismaj mensoj de la kvar laboristoj ne kapablis igi ilin entuziasmaj por forte labori, sed, ĉar ne plu mastrati, faris malpli kaj malpli da laboro kaj ĝuis uzi la labortempon por ludi. La idealaĵo do fiaskis, ĉar la firmaeto perdis tiom da mono ke ĝi bankrotis. Tiel la antaŭaj estroj kaj la kvar laboristoj ĉiuj perdis ĉion. Verŝajne pro tio mia avo poste fariĝis komunisto (leninisma). Kaj devis vivi per senlaborula pago registara. Tamen post la dua mondmilito (la metalkompanioj zorgos ke estos almenaŭ tria) oni reinventis *Walden*-ajn kolonietojn (*kibutzim*) en Izraelo, kelkaj el kiuj evidente fartis pli bone, eĉ ĝis nun. *Marcel Leereveld.*



# Kiel helpi homon, kiu havas sinmortigeman penson



Homa vivo estas la plej valora posedaĵo en nia mondo, kaj ni devas ĉiam strebi por protekti ĝin. Tial ni devas esti atentaj pri grava publika sanproblemo, kun maltrankviligaj nombroj: sinmortigo.

Oficialaj datumoj publikigitaj de la Monda Organizaĵo pri Sano (MOS) avertas, ke ĉiun 40-an sekundon okazas sinmortigo en la mondo!

Jen kial ni aperigis artikolon celante montri kiel rekoni avertajn signojn de sinmortigema konduto, kaj prezentas antaŭmalhelpajn strategiojn por helpi tiujn homojn. La karmemora fondinto de Legio de Bona Volo (LBV), Alziro Zarur (1914-1979), admonis: *"Sinmortigo solvas nenies angorojn"*.

Do ni invitas Vin legi kaj plusendi tiu informon al viaj esperantistaj geamikoj. Ĉi tiu mesaĝo povos atingi homon, kiu eble travivas tiun ege malfacilan situacion. Kune ni povas savi multajn vivojn. Vivi estas plibone! Kiel helpi sinmortigeman homon

Bondezire, plej amike,
Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo



# Ni ne subtaksu Esperanton !



Ekzistas inter multaj Esperantistoj nenecesa modesteco pri Esperanto.

Ili kvazaŭ petas pardonon, ke nia lingvo estus en elementa kaj duonmatura stato kaj devus ankoraŭ kreski por akiri egalan disvolviĝon de la etnaj lingvoj.

Ili daŭre parolas pri la malfakto, ke Esperanto devas nature evolui. Ili ne vidas la diferencon inter etna kaj artefarita lingvo, kaj pensas ke artefarita lingvoi bezonas saman "naturan" historion kiel etnaj. Mallonge: ili kredas ke Esperanto plu ne estas plenkreskinta.

La precipa danĝero de tiu miskompreno estas, ke ili kaj iliaj Esperanto-lernantoj sentas la bezonon helpi, eĉ neprofesie, en tiu disvolviĝo kaj krei KAJ pli bonan gramatikon (neebla!) KAJ multajn neologismojn (nenecesajn). Ili kreadas kaj kreskigas, ofte ludeme kaj preskaŭ ĉiam sen scienca kompreno pri la malsama karaktero de natura lingvo kaj internacia lingvo. Tiel Esperanto fariĝas senvalora ludilo de elituloj, kreskante el fidebla interlingvo al etnosimila malpraktikaĵo.

Eĉ la ne-Esperantistoj plejparte ne komprenas la necesajn formon kaj funkciadon de artefarita lingvo, postulante ke la Esperantistoj zorgu ŝanĝi sian lingvon al etnolingvosimila t.n. "riĉa" linĝvo.

El la komenco Esperanto jam estis preskaŭ perfekta. Ĝi ne povas esti tute perfekta, car ĝi dependas parte de homaj kaj naturaj cirkonstancoj neperfektaj. Sed ĝi nun ne povas, nek

bezonas, pliperfektiĝi, ĉar iu ajn ŝanĝo en ĝiaj gramatikaj reguloj rajtigus pliajn kaj ĝi evoluus al komplete ne plu fidebla stato. Ĝiaj reguloj pri vortformado forlasatus kaj la lernenda vortaro fariĝus same obstakla kiel tiu de etnaj lingvoj.

Ĝia jama kaj neŝanĝinda perfekteco preskaŭa konsistas en tio, ke ĝiaj gramatikaj reguloj permesas kiomeblan mankon de miskomprenoj, kaj ke ĝiaj vortstoko kaj vortkreadeblo jam donas al ni vortojn por ĉiuj antaŭaj nocioj kaj la plejmulton de vortoj por estontaj nocioj teĥnikaj kaj kulturaj.

Ankaŭ etnaj lingvoj posedas la eblecon krei por novaj nocioj teĥnikaj kaj kulturaj vortojn el sia propra stoko, kvankam tio okazas t.n. "nature" kaj tial kaŭzas nefideblecon de signifoj. Sed la plej multaj ŝanĝoj en la naturaj lingvoj kreas nenecesajn kaj kapricajn kaj malfacile lerneblajn vortojn kaj esprimojn. Temas precipe pri donado ante signifojn al alisignifaj vortoj kaj pri kreado ante vortojn kaj vortkombinojn kun neregulaj signifoj.

Esperanto estas en tiu aspekto perfekta, ĉar ĝi ne allasas, aŭ almenaŭ ne allasi devas, nelogikajn kaj neregulajn vortkunmetojn kaj vortkombinojn. Se ni lasus Esperanton kreski t.n. "nature", ĝi fariĝus same malfacile lernebla, same nefidinda, kaj tial por internacia uzo same netaŭga kiel la etnaj lingvoj, kaj precipe la angla pro sia uzo de KAJ tono KAJ kombinligiteco por distingi signifojn.

Do ne modestu, ne postulu nenecesan "disvolviĝon", kaj fieru pri la jama perfekteco preskaŭa de nia lingvo.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno



**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 16an de Julio tri homoj kunvenis ĉe Ross House kaj sukcesis fini nian duan "nokton" en la tradukado de *Mil kaj Unu Noktoj*.

**VENONTAJ KUNVENOJ** - pro la eksterlanda vojaĝado de multaj membroj ni ne kunvenos Lunde ĝis la 3a de Septembro

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 22an de Julio je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1185 Instagram – 162

Facebook – 391 Telegram – 19

Twitter – 393 *Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



*Bedaŭre Profesoro Ronald Gates mortis*

*je la 26a de aprilo 2018*

Gates, Emeritus Profesoro Ronald Cecil AO.

95 jara Armidale NSK Aŭstralio












" Sekva kunveno de BES je la 28a julio ne estos en nia normala renkontejo en la Biblioteko sed ni planos amikan festeton en Mt. Coot- Tha Botanika Ĝardeno je la deka kune kun Ge-Esperantistoj de sud-orienta Kvinslando.

Ĉiu gasto estos bonvena. *Peter Danzer*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro kvina ero



Iun nokton, kiam mi ellasis min el la "Rigsarkivet" t.e. la regna arĥivejo, en la kastelo, mi renkontis iun el la aliaj noktogardistestroj, kiu survojis por helpi gardiston kun problemo. Li surprize haltigis min, "He, Felby, kio en la mondo estas malantaŭ tiu malbela pordo ?" "Tio estas la "Rigsarkiv" mi respondis. "Ĉu vi volas eniri kaj rigardi ?" "Ne, tion mi ne rajtas" li diris. Ni parolis kelkajn minutojn, kaj disiris.

Iun matenon, mi en la vagonaro, renkontis kelkajn el la gardistestroj de mia antaŭa laboro. Ili ĉiuj kun ĝojo sidiĝis ĉe mi kaj parolis pri mia nova laboro. Ŝajnis, ke ili tre ĝojas pro mi, ĉar fakte mi nun havis pli bonan laboron ol ili. Mi devas konfesi, ke mi ĉiam dum la vivo trovis multajn amikiĝemajn homojn.

Kiel registara noktogardisto mi pasigis proksimume unu tutan jaron en du el la plej belaj parkoj de Kopenhago. Fakte unu el ili estis *Frederiksberg Have*, kaj la alia "*Søndermarken*", t.e. la suda kampo, sed ne kampo, tre belega parko ĝi estas, situanta tuj apud la bestĝardeno. Iun nokton haltigis min du policistoj. Ili serĉis rifuĝinton, kiu forkuris de ili en la parkon. Mi klarigis al ili, ke mi neniun vidis. Mia fidela hundo *Ĵan*, tiam levis siajn orelojn kaj ekflaris la falintajn foliojn sur la tero. La policistoj ekscitite ekkriis: "Jen estas io, jen estas io." Kaj fakte estis io; lumigante la teron ni vidis erinacon inter la folioj falintaj.

Alian nokton en la parko, tuj antaŭ noktomezo, mi renkontis kvin sinjorinojn. Ili diris, ke ili reprezentas "Psikan Esploradon", organizaĵo, kiu reserĉas psikajn fenomenojn. Ili klarigis, ke precize hodiaŭ je noktomezo hantos la parkon la germana s-ro Struensee, kiu estis kvaronigita kaj senkapigita de la dana registaro en aprilo 1772 pro siaj malfidelaj rilatoj kun la dana reĝino.

Subite sonis la sonoriloj de la apuda preĝejo. Fakte tiu preĝejo estas "*Jesuskirken*", belega preĝejo en Valby, pagita de Carlsberg. Børge baptiĝis en ĝi, se tio interesas vin, ne ! ne en biero, sed en la preĝejo ! *Daŭrigota* *BobFelby*

